‚Mutig vorwärts!‘ **Aŭstria Esperantisto** ‚Kuraĝe antaŭen‘

# Aŭstria Esperantisto

## (Österreichischer Esperantist)

Oficiala organo de Aŭstria Esperanto-Asocio

7a jaro. N-o 11 Monata Novembro 1930

Redaktejo kaj administrejo: Korneuburg ĉe Wien, Postfach.

Konto bei der Postsparkasse D-123.826 u. 36.783 (Sparkasse Korneuburg).

Jarabono (komencebla ĉiumonate): Por aŭstrianoj aŭ Ŝ 4.80, germanlandanoj RM 3.25 alilandanoj sv. fr. 4.25; ponumere: por enlandanoj 45 aŭ. g., eksterl. 55 aŭ. g.

Nicht zeitgerechte Abbestellung unseres Organs verpflichtet zum Weiterbezug.



**Bundespräsident Wilhelm Miklas**, Protektor des Internationalen Esperanto-Museums in Wien, besuchte dieses am 2. Oktober im neuen Heime, I., Neue Burg, Heldenplatz. Zum Empfange waren erschienen: Für den Generaldirektor der National-Bibliothek Univ. Prof. Hofrat Bick, der Vizedirektor Hofrat Baumhackl; für das Kuratorium des Museums der Vorsitzende Reg. Rat Steiner, dessen Stellvertreter Min. Rat. Hawlik, ferner die Damen Dittrich und Müllner und die Herren Smital, Dr. Sós und Weber. Auf die Begrüßungsansprache des Gründers Reg. Rat. Steiner erwiderte der Herr Bundespräsident: „Ich freue mich, daß es Ihnen gelungen ist, für das Museum bei der National-Bibliothek einen so schönen Raum zu bekommen. Hoffen wir, daß das Museum unserem Oesterreich viele fremde Gäste zuführen wird. Mit Vergnügen spreche ich Ihnen namens unseres Vaterlandes nochmals bei dieser Gelegenheit den Dank dafür aus, daß Sie keine Mühe gescheut haben, durch diese Gründung für Oesterreich in der ganzen Welt zu werben.“ Nach Besichtigung der Sammlung schrieb der Herr Bundespräsident seinen Namen als erster in das Goldene Buch des Museums ein.

## Aus aller Welt.

### Neue Erfolge!

Provinzial-Schulkollegium der Provinz Brandenburg und von Berlin. Bln.-Lichterfelde, 25. Sept. 1930

Abt. I Nr. 13334/8. 9. 30.

II

unmittelbar!

1. An die Leiter der höheren Lehranstalten für die männliche u. weibliche Jugend in Berlin.
2. An die Schulräte in Berlin.

Unter Bezugnahme auf unsere Rundverfügung vom 30. Januar 1926 - A Nr. 96/26 weisen wir erneut darauf hin, daß die Esperanto-Schule Berlin (Geschäftsstelle: Berlin W 10, Hohenzollernstraße 11 — Carl Walter —) bereit ist, aus ihrem Lehrkörper für etwa gewünschten Esperanto-Unterricht an höheren Schulen geeignete Unterrichtsleiter (Berufslehrer) zur Verfügung zu stellen.

Wir machen gleichzeitig darauf aufmerksam, daß auch Volksschullehrern, aushilfsweise beschäftigten Studenten und solchen Personen die Erteilung von Esperanto-Unterricht gestattet werden kann, die hiefür eine besondere Genehmigung von uns erhalten haben.

### Esperanto-Unterricht an den städtischen Schulen Berlins.

Vor etwa einem halben Jahr begannen mit Zustimmung der für die Volksschulen zuständigen Stelle des Berliner Magistrats Versuchs-Kurse für Schüler aus sechs verschiedenen Volksschulen im Osten Berlins (etwa 250 Teilnehmer).

Nunmehr hat die betreffende Behörde genehmigt, daß denjenigen Lehrern, die an ihrer Schule Esperanto unterrichten, zwei Stunden **auf die Pflichtstundenzahl angerechnet werden**, und zwar zunächst mit Wirkung für 25 Lehrer und auf ein halbes Jahr. Die Teilnahme am Unterricht ist für die Schulkinder freiwillig, jedoch kostenlos, da ja die betreffenden Lehrer indirekt auch für den Esperanto-Unterricht beziehen.

Der **Fortbildungschulrat für Oberösterreich** in Linz hat auf Grund des Ergebnisses der Einschreibungen seine Zustimmung zur Durchführung von 8 Parallelklassen in Esperanto für die gewerblichen Fortbildungsschüler in Linz ab 15. November 1930 durch 5 Monate gegeben und die Kosten für den Lehrer bewilligt. Ein begrüßenswertes Beispiel! Wann kommt Wien nach?

Die Stadt **Rahova** (Bulgarien) hat eine Insel in der Donau, die bisher keinen Namen führte, „Esperanto" benannt.

Die **Handelskammer in Arras**, Frankreich, hat in ihren Handelsschulen Esperantokurse eröffnet.

**„Esperanto die Welthilfssprache".** Der Bund deutscher Esperantisten in der tschechoslowakischen Republik, Sitz Reichenberg, Klothildenstr. 6 hat unter diesem Titel ein vornehmes Werbeheftchen (8 Seiten) in schönem Umschlage herausgegeben, das durch seinen aufklärenden Inhalt dem Esperanto sicher viele Freunde zuführen wird. Zu demselben Zwecke gab der Bund das Werbeblatt „Wissen Sie schon, daß Esperanto . . ." heraus.

**„Wählen Sie Esperanto!"**, ein gutes Werbeblatt in deutscher Sprache, herausgegeben von „Unua Esperanto Unuiĝo de Wien" und „Esperanto-Oficejo de Oficхavantoj"; Briefadresse: Esperanto - Oficejo, Wien, 4., Schäfferg. 3, Bürostunden 18-20 h.

**Esperanto-Kurs** jeden Mittwoch 19-20[30] h, Wien, IV., Schäffergasse **3**, Beitrag S 5.—. Anmeldung noch möglich.

**Kath. Esperantokurse** für Anfänger und Vorgeschrittene jeden Donnerstag, um 19 bezw. 20 Uhr bei Kath. Kreuzbündnis, Wien, I., Judenplatz 8/1.

Die **„Ligue Aéronautique de France"** in Paris, Präsident Oberst Paul Renard, hat für ihre Mitglieder Esperantokurse eingerichtet.

Die **„Internationale Rote Hilfe"** empfahl ihren Mitgliedern die Erlernung des Esperanto.

Der **23. Esperanto Weltkongreß** wird vom 1.—8. Aŭg. 1931 in Kraków, Polen abgehalten.

Der **20. Deutsche Esperanto-Kongreß** findet 1931 in Hamburg statt.

Die Zeitung **„Heilig Feuer"**-Wien veröffentlichte einen langen Artikel „Die Weltsprache Esperanto für jeden die zweite . . . für alle die gleiche".

---

## Wien-aj Foiroj.

Kiel kutime Wien-aj Foiroj okazas ĉiujare tuj post Leipzig-aj Foiroj. En 1931 Printemp-Foiro, samtempe Jubileo-Foiro, estos aranĝata de 8.-15. de marto kaj Aŭtun-Foiro de 6.-13. de septembro. Informu viajn amikojn-komercistojn en alilandaro!

## Leipzig-a Foiro.

Leipzig-a Foiro, la plej granda inter al ekzistantaj foiroj, havas ia plej multajn ekspozantojn kaj aĉetantojn. La lastan printempan foiron zitis pli ol 180.000 negocistoj. La venonta Printempa Foiro okazos 1.-7. marto 1931, la grandaj Foiroj por Teknika kaj Konstrufako ĝis 11. marto.

---

**Abonantoj por 1931 rajtas unufoje enpresigi du-linian anonceton en nia gazeto por la rabatita prezo de 50 g anstataŭ S 1.50. Ĉiu plua linio po 50 g.**

## Monumento por nia Majstro.

Alvenis jena letero, kiun ni publikigas speciale pro tio, ke jam nun la aŭstriaj samideanoj komencu ŝpari por la venontjara veturado al la XXIII-a en Kraków kaj al Malkovrosolenoj de monumento por nia Majstro en lia naskiĝurbo Bialystok dum Postkongreso:

Al sinjoro Registara Konsilanto Hugo Steiner, Direktoro de Internacia Esperanto-Muzeo Vieno.

Tre altŝatata samideano,

Ni havas la plezuron informi vin, ke laŭ deziro de la ĝenerala kunveno de Zamenhofa Esperanta Societo en Bialystok, plene aprobita de la IV-a Pollanda Kongreso de Esperanto la21-an de Septembro n. j., nia Societo organizas Internacian Postkongreson Esperantistan, okazontan en Bialystok, en Aŭgusto 1931 tuj post la XXIII-a Universala Kongreso de Esperanto.

Tiu postkongreso estos ligita kun solena malkovro de Monumento al nia Majstro en Bialystok, Lia naskiĝurbo.

Ni jam komencis la necesajn preparojn, precipe por la afero de la Monumento, kiu ja devos inde honorigi nian Majstron.

La Organiza Monumenta kaj Postkongresa Komitato dum sia kunsido elektis vin kiel membron de Honora Komitato.

Ni esperas, ke vi ne rifuzos tiun elekton, donante tiel al ni moralan apogon por nia grava entrepreno.

Antaŭdankante ni petas vin, tre altŝatata samideano, akcepti la esprimojn de niaj samideanaj sentoj.

Organiza Monumenta kaj Postkongresa Komitato
J. Ŝapira, prez. F. Dubinski, sekr.

Kun granda ĝojo mi sciiĝis pri la granda honorigo kaj kun plezuro akceptis la inviton. Steiner.

### Librotago.

Je memoro al la naskiĝtago de nia Majstro, la 15. decembro, ĉiu aĉetu almenaŭ unu libron.

---

Unsere Leser erhalten beigeschlossen **„Literatura informilo"**, (20 Seiten) der Firma F. Hirt & Sohn-Leipzig. Auslieferungsstelle für Oesterreich: Buchhandlung **R. Foltanek**, Wien, I., Herrengasse 2—4.

Lehrbuch **Glück und Sós** ist in Neuauflage (31.—35. Tausend) erschienen. Preis S 2.—. Verlag Wallishauser'sche Buchhandlung, Wien, I., Lichtensteg 1. Siehe Annonce!

## Konservado de la voĉo de nia Majstro Zamenhof sur la gramofon-diskoj.

La direktoro de I. C. K. en Ĝenevo ĵus informis nin jene:

„I. C. K. sukcese intervenis ĉe s-ro Sabadell, LK en Barcelona pri reproduktado de la sola fonograf-cilindro, per kiu la voĉo de nia Majstro d-ro Zamenhof estas konservita. Ĝi delegis s-ron Gili Norta, eksprezidanto de Kataluna Federacio por traktado kaj esploro de la eblecoj. S-ro Sabadell konservante rajte la cilindron kiel relikvon altvaloran, fine esprimis sian principan konsenton pri la reproduktado.

Montriĝas multaj teknikaj malfacilaĵoj sed oni esperas ĉiujn venki. Kataluna Esperanto-Federacio mem prenis sur sin la organizadon de la afero kaj tiucele ricevis la rajton de s-ro Sabadell.

Nuntempe ne povas esti dirate pli. I. C. K. petas al ĉiuj interesitoj kaj intervenintoj, ne plu adresi petojn al s-ro Sabadell, kiu dum la lastaj jaroj havis multajn ĝenojn kaj malagrablaĵojn pro afero, en kiu li laŭjure rajtas decidi sola.

I. C. K. ankoraŭ informos pri la progreso de la teknika esploro."

La esperantistoj certe ĝojos pri la saĝa cedo de s-ro Sabadell kaj la morala sukceso de I. C. K. en tiu ĉi afero, kiu havas altan signifon por nia movado.

---

## Granda sukceso de E.- Asocio de Oberösterreich.

La penadoj de la nomita Asocio havis grandan sukceson, kiun montras jena letero esperantigita:

**Fortbildungsschulrat für Ober-Oesterreich in Linz.**

N-ro 132/2 Linz, la 27. okt. 1930.
Esperantokurso. Klosterst. 7

Al la Asocio de Supra Aŭstrio en Linz.

Kaŭze de la rezulto de la enskriboj Konsilantaro de perfektigaj lernejoj de Supra-Aŭstrio donas sian konsenton al 8 Esperanto-kursoj, gvidanto s-ro Josef Mraz, por la frekventantoj de la metiaj perfektigaj lernejoj. Pri la plua efektivigo E.-Asocio ektraktu kun la lernejkomitato kaj la administra estraro de la metiaj perfektigaj lernejoj en Linz, Steing. 6. La estro: Franz Pöll.

---

### La vilaĝa dentisto.

Vojaĝanto petis vilaĝan dentiston, ke li eltiru de li denton. Kiam li demandis la dentiston: „Ĉu vi ne narkotas viajn pacientojn?", tiu repondis: „Tio ne estas necesa, ankaŭ sen narkoto miaj pacientoj perdas la konscion". (Laŭ „Verda Mondo".)

# Esperanto-junularo, migradu tra hejmlando kaj tutmondo!

Por AE de Landregistara konsilisto d-ro Alfred Mikocki.








Kiel en multaj aliaj landoj ankaŭ en Aŭstrio oni en la postmilitaj tempoj pli intense propagandas por la fremdulfrekvento ol antaŭe. Oni aludas kiel multnombraj estas en nia hejmlando la naturbelecoj, kiuj certe povas konkuri kun tiuj en aliaj landoj.

Nuntempe Oficejo por junulprizorgado de lando Nieder-Oesterreich disponas pri proksimume 1000 kuŝejoj kaj 36 junulmigrantejoj, kiuj preskaŭ ĉiuj situas en la plej belaj regionoj de N.-Oe. kiel ekz. en Wachau, Wienerwald, Rax kaj antaŭalpaj regionoj kaj en la bedaŭre ankoraŭ tiel malmulte konata Waldviertel.

Ankaŭ en aliaj liglandoj, memkompreneble ankaŭ en la ligoĉefurbo Wien, troviĝas tiaj junulnoktigejoj. Estas treege ĝojige, ke krom la koncernaj porjunuloficejoj ankaŭ komunumoj, en la lasta tempo ankaŭ porjunulunuiĝoj, ekaranĝis la konstruadon kaj funkciadon de tiaj noktigejoj. Certe en Aŭstrio, pro la ekonomia malbonstato ne estis eble sampaŝe evolui la reton de la junulmigrantejoj kiel en Germanlando, kie precipe en la lastaj jaroj estis konstruata granda nombro da belaj junulejoj, instalitaj en apartaj konstruaĵoj.

Unu el la unuaj kaj plej gravaj celoj de la junulmigrado estas plikonatigi la junularon kun ĝia hejmlando laŭ elparolo de Goethe: „Kion ci heredis de ciaj prapatroj, akiru por ĝin posedi!“

Sed ne nur la naturbelecojn kaj kulturmonumentojn de la hejmlando la migrado alproksimigas al la junularo, sed tiu ankaŭ ricevas je tiu okazo pli intiman kontakton kun la homoj de la tramigradataj pejzaĝoj. Kaj ĉiu, kiu deziras forigi la ekzistantajn diferencojn kaj erarkomprenojn inter la loĝantaro de la urboj kaj kamparo, konsentos la gravecon de ĉi tiu farita kontakto por la estonto de la nun grandiĝanta junularo. Sed kio estus pli taŭga ilo ol se la junularo de la urboj konatiĝu kun la ofte malfacilaj viv- kaj laborkondiĉoj de la kamparanaro kaj se aliflanke la kamparanoj vidu, ke ankaŭ la gejunuloj de la grandurbo ne estas tiel malbonaj kiel ili ĉiam estas rigardataj. Kaj kio estus pli taŭga plenigi la fendegon inter burĝaro kaj laboristaro ol la ĉiama renkonto de gejunuloj de la plej diversaj kastoj en la junulmigrantejoj. Certe jam kelkiu junulo tiam eltrovis je sia granda miro, ke ankaŭ „la aliaj“ estas homoj kaj speciale tiuj, kun kiuj ili havas kelkajn idealojn komune. Tria grava avantaĝo de l'migrado estas ankoraŭ en tio, ke ĝi devigas la junulojn al simpla, sana vivmaniero, firmigas ĝian volon, ilin edukas al respekto pri la deziroj kaj fortoj de la migradkunuloj.

Certe estu prezentata per la junulmigradmovado al la migradema junularo unuavice la ebleco konatiĝi kaj ami la propran hejmlandon, la propran popolon en sia individueco. Sed kiam la gejunuloj estas tramigradintaj sian hejmlandon, ili ankaŭ elmigru, estante jam pli maturaj junaj homoj, en la malproksiman alilandaron. Preskaŭ ĉie, kie ekzistas migrantejoj en pli granda nombro, ili estas supoze la reciprokecon ankaŭ al dispono de la junularo alilanda*.

Similajn avantaĝojn, kiel ili estis

montrataj antaŭe ĉe la forigo de la kontraŭoj inter landa- kaj urba loĝantaroj kaj same ankaŭ inter la diversaj klasoj de la sama popolo, donas ankaŭ la migrado en aliaj landoj. Despli la junularo de la diversaj popoloj havas la okazon interkonatiĝi, ju pli malmulte estos ebla refoja mondokatastrafo, kia estis la mondmilito. Ĝuste se la junularo travojaĝas landojn kun fremdaj lingvoj, ĝi lernos ŝati la avantaĝojn de unueclingvo, kia estas Esperanto. Tial ankaŭ el tiu ĉi vidpunkto la junulmigrado estas plej kore salutinda kaj favorinda.

Do pro tio ĉiuj, al kiuj la antaŭe priskribitaj kaŭzoj ŝajnas gravaj, faru ĉion por akceli ĉiamaniere la junulmigradon.

Sed al la junularo mem ni ankoraŭfoje alvokas: „Migradu tra hejmlando kaj tutmondo!"

*) Pro iliaj uzokondiĉoj oni sin direktu al jenaj oficejoj:

**Aŭstrio:** al Landes-Jugendamt de la koncerna ligolando, en kiu la migradejoj situas, aŭ al Bundesministerium für Unterricht, Wien, I., Minoritenplatz 5.

**Svislando:** Bund schweizerischer Jugendherbergen, Zürich, Seilergraben 1.

**Germanlando:** Reichsverband für deutsche Jugendherbergen, Hilchenbach, Westfalen.

**Ĉeĥoslovakujo:** Verband f. deutsche Jugendherbergen, Aussig, Kulmerstraße.



Represo permesata. E.-igis S. Eder.

## La nordlumobservado en Tromsö.

De profesoro d-ro Paul Ernst-Wien.

La aŭtoro, al kiu vojaĝstipendio el Alois Kornitzer — memorfondo ebligis persone konatiĝi kun la observatorio kaj kiel gasto de la norvega ŝtato pasigi tie kelkajn semajnojn pro efektivigo de propraj esploroj, disponigis al ni jenan raporton pri la siaspece unika instituto.

La soleca norvega insulurbeto Tromsö, pri kiu antaŭ ne longe, kiel centro de la André-afero, estis tutmonde parolita, havis iom pli frue alian grandan sensacion, kiu cetere elvokis ĉefe sciencan intereson: la 7. de aŭgusto estis tie malfermita observatorio por observado kaj esploro de l'nordlumo kaj por prilaboro de ĝin koncernantaj geofizikaj problemoj. Ĉiu norvega eminentulo sur la teritorio de nordlum-esploro kaj geofiziko kaj multaj scienculoj el parencaj fakoj venis al Tromsö, por ĉeesti la feston. Estu i.a. nomataj d-ro Lars Vegard profesoro de fiziko de la universitato en Oslo; d-ro Carl Störmer, profesoro de matematiko de la universitato en Oslo, ambaŭ mondfamaj kiel esploristoj de nordlumo; profesoro Sem Saeland, rektoro de la universitato en Oslo; profesoro Ole Krognes, direktoro de la magneta ofico en Bergen; profesoro Wilhelm Bjerkens; direktoro Hesselberg, profesoro Helland Hansen.

Laŭ iniciato de profesoro Vegard estis la bezonata mono por kreo de l'observatorio disponigita el la Rockefeller'a fondacio sub la kondiĉo, ke pri plua subtenado zorgos la norvega ŝtato. Sed la postuloj ne estis malgrandaj: la tutaj kostoj konsumis la respektindan sumon da 75.000 dolaroj, el kiuj estis uzataj $^2/_3$ por la konstruado kaj $^1/_3$ por scienca instalo de la instituto. Antaŭ proksimume 4 jaroj estis komencita la konstruado, de $1^1/_2$ jaroj estas la domo preta, sed nur nun, kiam ankaŭ la interna adapto kun necesaj instrumentoj estas finita kaj la laboroj en la observatorio povis komenciĝi, ĝi estis transprenita de reprezentanto de l'Rockefeller'a fondacio en la protekton de l'norvega ŝtato.

En belega situo, pksm. $^1/_2$ horon malproksime de la haveno, staras sur 100 m alta monteto, ĉirkaŭate de granda ĝardeno, la masonita observatorio, kontraŭe de ĝi la ĉarma loĝdomo de l'direktoro kaj de l'aliaj oficistoj, konstruita el ligno, same kiel preskaŭ

ĉiuj domoj en Tromsö. Kelkajn paŝojn for de la ĉefkonstruaĵo troviĝas pksm. 20 m² granda betonita plataĵo por observado, kun elektra hejtaparato sub la planko, ĉar malgraŭ la pro proksimeco de Golfrivero, milda klimato de Tromsö, atingas la temperaturo dum vintro ne malofte — 20°. Tute proksime staras ankaŭ la du lignaj „magnetdometoj", el kiuj unu entenas instrumentojn por absoluta precizigo de termagnetaj elementoj, dum en la alia staras memregistraj aparatoj por termagnetaj esploroj. Pro ŝirmo kontraŭ ĉiuj malhelpantaj eksteraj influoj estas la tuta dometo duvande konstruita kun pksm. 3/4 m larĝa aerspaco inter la vandoj la unuopaj aparatoj estas pro evito de skuoj muntitaj sur marmorblokoj. Ankaŭ la ĉefkonstruaĵo estas tre laŭcele instalita. Al la komforta laborejo, provizita je malgranda biblioteko de plej grava fakliteraturo, aliĝas ambaŭ konservejoj de l'aparataro kaj apude la malgranda, bone instalita metiejo. Ĉar memkompreneble oni uzas la plej modernajn metodojn de nordlumesplorado, la fotogrametrian de Störmer kaj la spektografian de Vegards, tial la fotografia instalo estas speciale konsiderata. Serio de „nordlumkameroj" kun plej lumfortaj objektivoj de la nuntempo, ebligas la fotografadon dum kelkaj sekundoj de l'fabele belaj fenomenoj de la nordlumo, kelkaj spektografoj permesas fiksi en kelkaj minutoj sur fotografiaj platoj la plej fortajn spektralliniojn de l'nordlumo. Sed kiam estas necese fiksi ankaŭ la malfortajn liniojn de l'spektrumo, tiam estas al dispono du gigantaj spektografoj, el kiuj unu havas kvarcoptikon, por ke ankaŭ la perokule ne videblaj linioj en la ultravioleta parto, absorbita de la vitra optiko, estu fotografeblaj. Kvankam en ĉi tiuj nordaj regionoj preskaŭ ĉiu klara vintra tago prezentas pli aŭ malpli fortajn nordlumojn, tamen tia multajn horojn postulanta fotografado daŭras 1 ĝis 2 monatojn. Por elpreparo de fotografiaj laboroj servas ampleksa mallumejo, instalita kun ĉiu komforto. Du belaj gastĉambroj ebligas la restadon ankaŭ al scienculoj el malbonvalutaj landoj en ĉi tiu cetere altpreza loko. En la kelo de la konstruaĵo estas la elektra distribuilo, la aparato de centra elektra horloĝo, la akumulatorejo, centra hejtejo, projekciejo por fotografaĵoj, mezurejo de terindukcioj kaj aerelektro. Projektataj estas krome mezuradoj de trapenetranta altradiado kaj de malhelpoj de elektraj ondoj.

La sciencaj observadoj kaj kalkuladoj estas tasko de l'juna direktoro Leiv Harang kaj de lia sekretario Einar Tönsberg, iama asistanto de Vegard. La konservado de altprezaj aparatoj estas tasko de l'instituta mekanikisto Magnus Jacobsen, kiu mem pretigis en sia metiejo serion de ekzakte funkciantaj instrumentoj. La administradon prizorgas kvinmembra komitato, konsistanta el profesoro Vegard, kiel prezidanto, kaj profesoro Störmer, rektoro Saeland, profesoro Krognes kaj direktoro Harand.

En la Internacia Geofizika Kongreso, okazinta ĉijare en Stockholm, estis decidite aranĝi ree en 1932/33 polarjarojn, same kiel antaŭ 50 jaroj en 1882/83. Ĉiu nacio konstruu en ĉi tiu jaro kiel eble plej norde observadstacion por komuna esploro de geofizikaj problemoj interrilatantaj kun la polusoj. La „Konstanta Instituto por geofiziko kaj esploro de nordlumo", jen la ofiala nomo de l'nordlumobservatorio, ludos kiel centra oficejo gravan rolon ĉe tiu aranĝo. Ni esperas, ke laŭ la tradicioj de l'norvega skolo, de l' junaĝe mortinta fondinto de l' scienca nordlumesploro, Christian Birkenland kaj de ambaŭ plej famaj vivantaj nordlumesporistoj Störmer kaj Vegard, ĝi efektivigos fervoran esporlaboron kaj ni deziras ke ĝi kaj ili havu same riĉajn sukcesojn. E.-igis D-ro Sós.

---

**Vortludo.**

La edzo diris, la edzino estas maldiligenta.
La edzo, diris la edzino, estas maldiligenta.

Pernegg.

## Mondvojaĝanto Josef Scherer,

**speciala delegito de ICK.-Genève, membro de Int. Kuratora Komitato de IEMW,**
ricevis laŭ sia peto 5 diversajn fotografaĵojn pri la muzeo per aerpoŝto al Japanujo, ĉar li deziras varbi dum siaj lumbildparoladoj por la Int. E.-Muzeo en Wien.

Por la certe granda sukceso ni jam nun dankas al li!

Por IEMW.: Steiner.

## Int. Esperanto Muzeo en Wien

**Wien, I. Neue Burg, Heldenplatz.**
Telefono n-ro R 27-803

**Malfermita labortage** 9-12, 15-18 h, sabate 9-12 h.

Novaj membroj:

### Internacia Honora Komitato:

Ĉeĥoslovaka Respubliko:

**D-ro inĝ. h. c. Jos. Max Mühlig,** grandindustriisto, en Teplitz-Schönau.

Japanujo:

**S-ro Seikoo Gotoo,** prezidanto de Kiboŝa, Kioto.

### Int. Kuratora Komitato:

Germanlando:

**Sekreta konsilanto d-ro Adolf Schmidt,** membro de la Akademioj en Berlin, Göttingen, kaj Oslo, iama direktoro de la Meteorologia magneta Observejo en Potsdam, Gotha.

**Prezidanto de Respubliko Aŭstrio s-ro Wilhelm Miklas,** protektoro de nia muzeo, vizitis tiun la 2. oktobro en ĝia nova hejmo.. Al la salutvortoj de prez. Steiner liglanda prezidanto Miklas respondis jene: Mi ĝojas, ke vi sukcesis, ricevi por la muzeo tiel belan hejmon ĉe National-Bibliothek. Ni esperu, ke la muzeo allogos multajn fremdulojn al nia bela Aŭstrio. Kun plezuro mi je tiu okazo nome de nia patrujo denove diras dankon al vi pro tio, ke vi ne ŝparis penadojn por varbi per ĉi tiu fondaĵo por Aŭstrio en la tuta mondo.“ Poste prez. Miklas enskribis sian . nomon kiel unua en la „Oran Libron“ de IEMW.

### Dumvivaj membroj de IEMW:

46. Frieda Petri, instruistino, Dresden; 47. Käte Petri, instruistino Schland a. Spree; 48. Lazaro Shantoja, ĵurnalisto, Skutari, Albanio; 49. Ignaz Storm, distrikta lernejinspektoro, Graz; 50. Karl Bartel, Graz; 51. Berta Rotter-Waschmann, Jägerndorf; 52. Elise Schwartz; 53 Rob. Horn ĉiuj Jägerndorf; 54. Inĝ. Gustav Schulze, prof.; 55. Hilde Scholze; 56. D-ro Ernst Gruber, financa ĉefkonsil.; 57. Rudolf Keil; 58. Karl Schüller, ĉiuj Reichenberg; 59. Skulptisto Anton Schich, Johannestal ĉe Reichenberg; 60. Otto Sternschuss; 61. Marianne König, ambaŭ Reichenberg; 62. Franz Hub, skulptisto; 63. d-ro Josef Pontz, notario; 64. Fr. Keil, oficisto, ĉiuj Gablonz a. N.; 65. Alfred Stolze, Bad Schlag b. Gablonz; 66. Fritz Michalek, Nieder Hanichen, b. Reichenberg; 67. d-ro Karl Alexowsky, Kratzau; 68. Marie Knobloch, Kratzau; 69. Adele Köppl, direktorino; 70. Kamilla Schulz, infanprizorgistino; 71. Marie Schiffner, brodistino; 72. Traude Langer, instruistino, ĉiuj Reichenau, b. Gablonz a. N.; 73. Wilh. Ludwig, skulptisto; 74. Karl Nase, ĥemiisto; 75. Friedr. Kober; 76. Fr. Kaulich, urba ofic.; 77. Emilie Kühnel; 78. Jetti Schnabel, ĉiuj en Warnsdorf; 79. Fr. Ullrich, poŝtofic., Bürgstein; 80. Fr. Böhm, desegnisto; 8. Fr. Heller, vitrofacetisto, ambaŭ Haida; 81. Rich. John jr., bankofic., Schaiba b. Haida; 82. Benno Bräuer, instruisto; 83. Rud. Jochmann; 84. Rud. Hynek, komerc., ĉiuj en Langenau, B. Leipa b. Haida; 85. Hugo Popper, komerc.; 86. Emma Pietschmann, privat.; 87. Ant. Ohme, prokuristo, ĉiuj B. Kamniz; 88. Joh. Klinger, dogansekretario, Bodenbach; 90. Else Wotzel, Langenau b. B. Leipa; 91. Karl Göll. fervojofic., Bodenbach; 92. Heinr. Müller, direkt., Aussig a. E.; 93. Ernst Böhm; 94. Ant. Krikawa, reklamdesegnisto, ambaŭ Bodenbach; 95. Herbert Jackel, Tetschen a. E.; 96. Ed. Hübsch, fervojofic., Bodenbach a. E.; 97. Marie Lippmann, Tetschen-Krischwitz; 98. Prof. Alf. Eckelt; 99. Fr. Tischer; 100. Prof. Elsa Reuter, ĉiuj en Aussig a. E.; 101. Prof. Max Murath; 102. Gertrud Grund, instruistino; 103. Emma Hagelmüller, fakinstr., ĉiuj en Teplitz-Schönau; 104. Paul Müller, komerc., Turn b. Teplitz-Schönau; 105. Rud. Löschner, direkt.; 106. Lisa Mayrhofer, ambaŭ Preschen b. Dux; 107. Fr. Müller, komunumsekr., Lang Ugest, P. Preschen b. Dux; 108. Jos. Hajek, instr., Meierhöfen b. Karlsbad; 109. Prof. inĝ. Jos. Schneider, Karlsbad; 110. Sepp. Taubmann, red. de Marto, Habakladrau b. Marienbad; 111. Prof. Rud. Pinzka, Marienbad.

### Grupoj por dekjara membreco:

5. E.-grupo de GEL, Jägerndorf; 6. E.-rondo, Liebenau b. Reichenberg; 7. E.-grupo de GEL, Reichenberg, ĉiuj ĈSR.; 8. E.-grupo „Verda Stelo“-Prag.

Kiel vi vidas pli ol 70 s-anoj kaj grupoj el alilandaro aliĝis en la lasta tempo al la muzeo. Ni kore invitas la aŭstrianojn, sekvi la bonan ekzemplon de la alilandaj samideanoj kaj grupoj kaj tuj aniĝi al IEMW. La kotizo da S 15.— povos esti pagata en tri partpagoj. Poŝtĉekoj laŭ deziro alsendotaj!

Ne hezitu plu kaj helpu, ke en 1931 la adresaro povu enteni almenaŭ 1000 adresojn! Tiu ĉi adresaro estos ne aĉetabla; ĝin ricevos nur membroj de IEMW!

## Direktoro Robert Kreuz

sendas al ni jenan leteron:

Genève, 30. septembro 1930.

Tre estimata s-ro Registara Konsilanto, antaŭ kelkaj tagoj mi ricevis la numeron de sept. de Aŭstria Esperantisto, kiu ankaŭ enhavis gratulon okaze de mia nomigo, verkitan de vi. Mi deziras esprimi al vi sinceran dankon pro via granda simpatio. Mi nur faris ĝis nun kaj ankaŭ en estonto faros mian devon.

Mi estas aparte kontenta, ke vi „lasis almenaŭ kelkajn bonajn harojn je mi". Nur unu detalo povas esti erariga. Mi fakte „ŝatas" bone manĝi, sed pro diversaj kaŭzoj korpaj, ne povas tion fari praktike. En vero, mi estas modesta manĝanto. Povas esti, ke mia dikeco estas kaŭzita de la okupo pri Esperanto kiu, kiel diras kelkaj sarkasmuloj, laŭŝajne „nutras la homon!" Spite al kelkaj korpaj ĝenoj, mi kredas tamen, ke la providenco dotis min tute bone. Kaj vi komprenos senpene, ke por tenadi pozicion, kian mi okupas, oni devas havi sufiĉan forton por ne perdi la ekvilibron.

Esperante pri ankoraŭ longatempa daŭrigo de niaj afablaj (kiam ni havas tempon!) rilatoj, mi salutas vin plej samideane kaj sincere. Sindone via Rob. Kreuz, direktoro de ICK.

---

**Univ. E.-Asocio en Genève** dissendis alvokon de d-ro Emil Pfeffer-Wien pri „Internacia interŝanĝo de gejunuloj pere de Esperanto". Mendebla estas la alvoko de Tagblatt-Bibliotek, Wien, I.

## „Ho, vi bela Aŭstrio!"

Jen la titolo de la paroladoj, kiujn mi faris en 18 germanaj lokoj de Ĉeĥoslovakujo.

Estis dum la germana E.-kongreso lastan printempon, ke mi promenis en Dresden kun nia pioniro prof. inĝ. Gustav Scholze, prez. de Germana Esperanto-Ligo en la ĉeĥoslovaka respubliko, kaj parolante kompreneble pri nia E.-movado promesis veni en lian regionon por varbadceloj. Prez. Scholze tuj komencis la antaŭlaborojn kaj provizita kun 120 diapozitivoj, inter kiuj 80 de Wien kaj 40 el la liglandoj, kiujn disponigis al mi en vere nobla maniero „Lumbildoficejo de Ministerio por instruaferoj" (Direktoro d-ro Haustein) kaj bela filmo „Per poŝtaŭtomobilo de Bad Gastein al sur Großglockner", disponigita de Ĝeneraldirekcio de Poŝto (Min. kons. J. Steyskal), mi komencis mian vojaĝon la 7. de oktobro.

Bonega antaŭlaboro estis farata! Tion mi tuj vidis, kiam vi venis al mia unua paroladloko Jägerndorf. GEL pere de siaj grupoj kaj unuopaj pioniroj, kie ne estas nuntempe grupoj, estis pritraktanta la aferon kun la „Klerigaj Komitatoj" de la koncernaj lokoj kaj tiuj invitis al la paroladoj, ne la E.-grupoj. Tio estis bonega afero, ĉar nenie oni sciis publike, ke la paroladoj pritraktos ankaŭ la E.-aferon kaj propagandon. En ĉiuj lokoj grandaj afiŝoj sur la afiŝmuraj, en la elmetejoj de la negocejoj, sur la nigraj tabuloj en la vestibloj de la lernejoj (en Marienbad ankaŭ en la tramveturiloj!) anoncis en germana lingvo „O, du schönes Oesterreich", Vortrag über die Naturschönheiten Wiens und Oesterreichs des Reg. Rates Hugo Steiner aus Wien mit Lichtbildern und Film" (Parolado pri la naturbelecoj de Wien kaj Aŭstrio de reg. kons. H. Steiner el Wien kun lumbildoj kaj filmo) kaj portis sur la pinto la nomon de la invitanto „Volksbildungsverein Jägerndorf aŭ Karlsbad ktp."

En la gazetoj diverspartiaj, ĉu burĝa, katolika, socialista, germannacia aŭ nacisocialista la paroladoj estis anoncitaj kaj la publiko al ili elkore invitata. Kun plezuro mi devas konstati, ke la gazetoj ankaŭ dufoje en diversaj eldonoj faris ĉi tiun inviton.

Alveninta post dumnokta vojaĝo matene en **Jägerndorf** tuj komencis mia laboro. En societo de s-ino Elise Schwartz kaj parte kun s-ro Horn mi vizitis la urbestron, vicurbestron, deputiton Heger, „Jägerndorfer Zeitung" k. a.

En la bela salonego, kie mi faris mian unuan germanlingvan paroladon, ĉeestis 200 personoj. Mi parolis pri la historio de Wien, ties konstrustiloj, pri Wien-aj muziko, foiroj kaj festsemajnoj, sekvis 80 lumbildoj kun kleriga teksto pri Wien kaj inter ili kelkaj pri Esp.-Muzeo, akcepto de la esp.-istoj ĉe la liglanda prezidanto Miklas, ties vizito en la nova hejmo de la muzeo, malfermo de IEMW en la pompa salonego de Nationalbibliothek ktp., kiuj donis al mi la okazon paroli ankaŭ kelkfoje, ĉiam mallonge, pri Esperanto. Post mallonga paŭzo estis montrataj bildoj el la alia Aŭstrio kaj je la fino mi faris 10 minutan E.- provlecionon, kiu speciale interesis la aŭdantaron kaj instigis aron da ĝi frekventi E.-kurson. Post la parolado la grupanoj kun la estro prof. Huttarsch, s-ino Rotter k. a. kunvenis, por fini la belan vesperon nur post meznokto. La 9. matene mi veturis al **Liebenau** ĉe Reichenberg, kie mi alvenis post 10 horoj kaj parolis en la lernejo antaŭ pli ol 100 personoj. Fakinstruisto Wlk akceptis min afable kaj faris la antaŭlaborojn.

La 9. alveno en **Reichenberg**, vizito al urbestro, vicurbestro, prez. de estonta kuracurbo, „Reichenberger Zeitung" und „Reichenberger Tagblatt", direktoro de Metilernejo Artmann, dir. de komerca akademio ktp.

Vespere antaŭ 300 pers. parolado en Volkshalle. La gazetoj bone raportis pri la parolado.

10. Post diversaj vizitoj en Reichenberg mi veturis al **Reichenau**. Mi unue devas danki al prez. Scholze kun edzino, kiuj tiel afable gastigis min, al f-ino Scholze, kiu kune kun s-ino Scholze akompanis min dum miaj vizitoj. En Reichenau mi estis tre kore akceptata kaj loĝis ĉe la gepatroj de favora sam-anino instruistino Trude Langer. Mi ĉiam rememoros la belajn horojn, kiujn mi povis travivi en ĉi tiu domo kaj en la societo de familio Langer kaj de la aliaj s-aninoj.

11. **Gablonz**. Post la kutimaj vizitoj mi faris vespere mian paroladon en la aŭlo de komerca akademio. Nur 30 pers., ĉar la saman tagon estis diversaj aranĝoj. Dr. Pontz, Franz Hub kaj Fr. Keil laboras fervore.

12. **Ligotago en Kratzau**, kie oni decidis fondi grupon tie. La ĉefaj s-anoj estas d-ro Alexowski kaj f-ino Knobloch.

13. **Warnsdorf**. 60 personoj ĉeestis. Tre fervoraj s-roj Kaulich kaj Ludwig. Vizito al urbestro ktp. „Abwehr" kaj „Volkszeitung" bone raportis.

14. **Haida**, kie laboris Fr. Heller, Ullrich kaj Böhm tre vigle. 60 pers. „Nordböhm. Volksanzeiger" skribis bonan artikolon. Vere vidinda la bela urbeto kun sia arbartombejo. La urbestro afable donacis al mi historilibron de la urbo.

15. **Langenau**. Instr. Bräuer, s-ino Jochmann, komerc. Hynek laboras. 70 pers. Tre ĝojigis min speciala vizito al mia parolado de f-ino Hermann el Niemes.

16. **B. Kamnitz**. 60 pers. Vigle laboras prez. Ohme, s-ro Popper kaj f-ino Pietschmann, kiu lasta min akompanis. Agrablajn horojn mi travivis en la vere agrabla societo de familio Popper, kiu min malavare gastigis. „B. Kamnitzer-Wochenblatt" skribis belan artikolon.

17. **Bodenbach**. 80 pers. Prez. Klinger faris sian eblon sukcesigi la aferon. „Nordböhm. Tagblatt" kaj „Nordböhm. Volkspost" tre afable raportis. Fervore ankaŭ laboras Böhm, Göll, Hübsch ktp. Vizito al urbestro.

18. **Aussig**. Vizito al urbestro, Elbtalverband, d-ro Linke, d-ro Wallner ktp. 90 pers. Prez. prof. Eckelt, je kiu mi estas gasto, fervore laboras kaj gvidas kurson en Komerca Akademio. Dir. Müllner akompanis kaj helpis min. „Aussiger Tagblatt", „Elbezeitung", „Der Tag" kaj „Volksrecht" bone raportis. Tre fervora estas s-ano Tischer.

19. Libera tago, kiun mi travivis en societo de s-ano, kies nomon mi forgesis. La 20. kaj 21. mi estis en Teplitz kaj parolis en Teplitz-Turn (230 pers.), por la burĝlernejanoj kun instruistoj en Kino (550 pers.), en Metilernejo (90 pers.) kaj en Weißkirchlitz (100 pers.). „Freiheit", „Volkspost", „Teplitz-Schönauer Anzeiger" kaj „Teplitzer Tagblatt" skribis longajn, favorajn artikolojn. Dankon meritas prez. prof. Murath kaj f-ino Grund, la sekretariino. Vizito al dir. Kolarsch de Kurkomision k. a.

22. **Lang-Ugest**, malgranda loko, 25. pers. Komunumsekr. Müller klopodas multe. Fervora ankaŭ estas al E. dir. Löscher en Preschen, kie mi estis afable gastigata.

23. **Karlsbad**. Parolado en Kursalon kun pli ol 300 personoj. Vizitoj al urbestro Jakob, „Genfer Verband", policestro Wottawa k. a. La paroladon ĉeestis ankaŭ s-ro ĉefredakt. Doroschkin de „Deutsche Tages-Zeitung", kiu favore raportis. Prez. prof. inĝ. Schneider kaj edzino multe laboras.

24. **Tepl**. 35 pers.

25. **Marienbad**. La aranĝon faris ĉefinstr. Legerer kaj mi devis paroli trifoje dum unu tago, antaŭ la burĝlernejanoj (450 pers.), en la komerca kaj gastejlernejo (100 pers.) kaj vespere antaŭ pli ol 250 pers. Marienbader Zeitung tre favore raportis. La aranĝon en Tepl kaj Marienbad, kie nun ne estas E.-grupoj, instigis instr. Taubmann, redakt. de „Marto".

La 26. mi fine povis reveturi hejmen! Mi opinias, ke la vojaĝo maturigos sukcesojn.

Steiner.

## Gravaĵoj.

Pri **„Vivreformo kaj mondlingvo"** parolis sam-anino Amalie Berger en germana lingvo en salonego de Bundeslehranstalt, Wien, I.

**Internaciisto**, organo de la klasbatala esperantistaro kaj ties opozicio en la Sennacieca Asocio Tutmonda, aperas dusemajne de oktobro nj. Red.: J. Bata, Berlin C 25, poŝtfako 2.

**Konsolo**, organo de Asocio tutmonda „Bona Samariano", Rm. 3.— pojare, Sofia, Str. „Sv. Sv. Kirili Metodi" 9, ekaperis en oktobro.

**„Ligilo"**, monata esperanta revuo por ĉeĥoslovakoj, Prostejov, Masarykovo nám 33 ekaperis en julio nj.

**„La Ponto"**, kvaronjara bulteno de Nova E.-Klubo-St. Gallen, Svislando. Por la membroj senpaga.

## Aŭstria Esperanto-Asocio

Linz, Weissenwolfstr. 31

La 18. okt. okazis la **dua estrarkunsido** de AEA en Linz. Ĉeestis ankaŭ vicprez. d-ro Christanell el Salzburg. Prez. Wannek raportis pri: 1. fakta situacio de la aŭstriaj organizoj ĉe KR., 2. ĝojiga stato de la organizo AEA, 3. malapero de grupoj, 4. interrilatoj kun AED, 5. sukcesoj kaj malsukcesoj en lernejaj sferoj, 6. ĝisnuna agado, gazetservo, diversaj aranĝoj en preparo ktp., 7. la estrarkunsido decidis unuanime peti f-inon Cipera eniri la estraron anstataŭ forvojaĝinta s-ro Lösch, 2. sekretario.

## Wir brauchen tüchtige Lehrer und Kursleiter!

**Pastro Andreo Ĉe** hält einen Unterrichtskurs für Esperantisten und Sprachkundige Ende Juni — Anfang Juli 1931 in Wien, wenn genügend Teilnehmer.

Ĉe-Methode zeitigte überall großen Erfolg!

Anmeldungen **sofort** an Aŭstria Esp.-Asocio, Linz, Weißenwolfstrase 31.

**Gazetservo** ekfunkciis. La grupoj ne sendinte ĝis nun la petitajn informojn ne p'u hezitu. En Supra Aŭstrio aperis en septembro 30 art. pri E. en 6 gazetoj. Modela kunlaboro de la lokaj gvidantoj.

**Grava**: Informu oficiale skolttrupojn de via urbo, ke Hungara Nacia Skolta Ligo oficiale invitas ĉiujn skoltajn trupojn je reprezentado pere de E.-skoltoj en la X. Int. Skolta Tendaro (julio 1931) ĉe Budapest. Aprobis la inviton London-a Intern. Skoltoficejo. Jen okazo por kursoj!

**Ĝustigo**: En AE 8/9 troviĝis sub raporto „pri nia XXII-a" rimarko de la redaktoro. Ni devas aldoni, ke prez. Wannek salutis la kongreson interkonsente kun la del. de AED s-ro dir. Feder en la nomo de aŭstriaj esperantistoj. La redaktoro ne estis informata pri ĉi tiu fakto.

**Braunau am Inn**: La grupo aliĝis al AEA.

**Krems**: La grupo aliĝis al AEA.

**Linz a. D.**: Propagando per disdonado de 3000 flugfolioj, afiŝoj kaj anoncoj. Malfermo de kurso (22 pers.), kelkaj instruistoj; gvid. s-ro Mraz laŭ Ĉe-metodo. Propagandparolado de lernejinspektoro Schallert en instruista rondo bone efikis. Vigla intereso.

**Melk**: Direktoro de la gimnazio en abatejo Melk, d-ro C. Schoiko gvidas denove E.-kurson kun 40 gimnazianoj.

**Ratten** (Stirio): Kurso kun 11 gelernantoj.

**Ried im Innk.**: Kurso komenciĝis.

**Salzburg**: Propagando per gazetartikoloj kaj anoncoj. Vespera kurso por plenkreskuloj, kurso en gimnazio „Borromeum".

**Schärding**: Dum distrikta instruista konferenco paroladis pri E. lernejinsp Schallert-Linz kaj vekis grandan intereson. Disdono de flugfolioj.

**Steyr**: Post kelkjara paŭzo revigliĝo de la movado. 2 kursoj kun 60 partopren.; kurso por soldatoj.

**Wels**: Malfermo de 3 kursoj. Kurso en komerca lernejo, gvid. prof. Paar laŭ Ĉe-metodo. Vespera kurso por lernantoj de perfektiga lernejo, gvid. s-ro Franz; laborista kun 50 pers.

---

**Al demandoj aldonu ĉiam respondafrankon.**

**„Unua E.-Unuiĝo en Wien" kaj „E.-Organizo de Ofic-havantoj de urbo Wien"** faris kontrakton, per kiu ili interkonsentis kune labori dum sezono 1930-31, eldoni komuan informilon „Informoj de UEUW kaj EOOW" (red. E. Werner, eld. Reinhold-Verlag), aranĝi komunajn kursojn ktp. Leteradreso estas intertempe la hejmo de Oficĥavantoj.

Komunaj vesperoj okazis en la kunvenejo de UEUW. **kafejo Fraueuhuber: 17.** X. d-ro Sós prelego de propraj tradukoj de versaĵoj, E. Werner el Verkaro de Zamenhof; 24. X. J. Kremser: „Pseŭdoesperantistoj" de Zamenhof, s-ino Zich: „Vilao apud la maro"; 31. X. prelego Käthe Weissenhorn „Dioklo" de Sienkiewicz; R. Cech, prez. de Danubio, parolis pri „Spertoj dum propaganda vojaĝo tra Hungarujo kaj Jugoslavujo"; 14. XI. Oberverwalter Braun prelegis humoraĵojn, prez. Hovorka parolis pri „La problemo de esperantista respondeco. Spertoj dum la aranĝoj de la intern. gazetekspozicio en Zagreb"; en la hejmo de EOOW, **4. Schäffergasse 3**: 22. X. kaj 29. X. kunveno en „amika rondo" kun ekzercado por progresintoj, dume f-ino Anna Ondryas mastrumis per teo kaj frandaĵoj.

**Gratulon** al ges. fakinstr. Hans Jungschaffer-Ried, nia fervora propagandisto, al naskiĝo de fileto Fritz!

Nia s-ano mag. farm. **Julius Klement**, apotekisto en Gaming, subite mortis en sia 63. vivjaro. Kondolencon.

## ESPERANTO-SOCIETO POR STIRIO

Graz, VI., Schönaugasse 6.

**(22) OG Graz, 12. ord. Vollversammlung, 16. X. 1930.** - Auszug aus dem Tätigkeitsbericht: Im abgelaufenen Vereinsjahr veranstaltete die Gruppe einen öffentlichen Werbevortrag mit anschließendem Anfängerkurs. Die wöchentlichen Zusammenkünfte der Gruppe waren fast durchwegs gut besucht, frühere Mitglieder haben sich wieder eingefunden, junge sind dazugekommen; die allgemeine Teilnahme an den Uebungen und an der Unterhaltung in Esperanto war erfreulich rege. Auch die während des Sommers veranstalteten Sonntagsausflüge fanden viel Beifall, besonders der nach Köflach. Die Mitgliederzahl ist auf 95 gestiegen. Leitungssitzungen und Monatsversammlungen fanden regelmäßig statt. Trotzdem an den Grazer Hauptschulen der Esperantounterricht eingeführt ist, zeigt die Lehrerschaft kein Interesse für Esperanto; hier wird noch viel Aufklärungsarbeit zu leisten sein.

Auszug aus der Verhandlungsschrift: Der Tätigkeitsbericht wird mit Beifall zur Kenntnis genommen, ebenso der Kassenbericht. Einnahmen S 637.16, Ausgaben S 610.89, Kassensaldo S 181.99, Vermögen lt. Abschluß vom 31. VIII. 1930 S 31.79. Die von

der Ortsgruppenleitung für die neue Leitung vorgeschlagenen Personen wurden einstimmig gewählt; Namen und Aemterverteilung siehe unter (23). Der bisherige Obmann der Gruppe, H. R. Hallamayer, der der Gruppenleitung durch 9 Jahre angehörte, lehnte aus persönlichen und beruflichen Gründen eine Wiederwahl in die Leitung ab; H. Bartel dankt ihm namens der Gruppe für seine erfolgreiche Tätigkeit und bittet ihn, der Gruppe auch weiterhin mit seinen Erfahrungen zur Seite zu stehen. Als Vertreter der Gruppe bei der Hauptversammlung des Vereines werden gewählt die Herren Calisto, Lossos, Turk, und die Damen Marco und Ott. Den Anträgen der Vereinsleitung an die Hauptversammlung, betreffend Neuwahlen, Abgaben und Vereinsorgan, wird zugestimmt. Die Jahresbeiträge bleiben unverändert wie im Vorjahre; Beträge unter (24). Die Lesegebühren für die Bibliothek werden mit 10 g für Werke bis 100 Seiten und 20 g für stärkere Bände im Monat beibehalten.

Berichte: An 58 Mitglieder wurden Fragebogen ausgesendet, 28 Antworten sind eingelangt; die Mitglieder sollten Urteile über das Vereinslokal, das Programm der Zusammenkünfte, den Esperanto-Unterricht im Verein abgeben und Vorschläge hiezu, besonders auch über Propaganda machen; die Antworten ergaben, daß die Mehrzahl der am Vereinsleben interessierten Mitglieder für möglichst abwechslungsreiches Programm sind: kurze Vorträge, ernste und heitere Uebungen und Unterhaltung in Esperanto, Gesellschaftsspiele, Musik usw.; als neuartiges Propagandamittel wurde der „sprechende Brief" (Melograph) vorgeschlagen. H. Schulrat Schöpfer (Voitsberg) berichtet über seine Propagandatätigkeit und die große Schwierigkeit, die Lehrerschaft für Esperanto zu interessieren. H. Bez.-Schul-Insp. Storm berichtet, daß sich im heurigen Schuljahr in Graz 80 Hauptschüler aus dem A- und B-Zug für die Esperantokurse gemeldet haben, außerdem 12 der vorjährigen Schüler für einen Fortsetzungskurs.

**(23) OG Graz, Neue Leitung.** Die von der Vollversammlnng in die neue Leitung gewählten Mitglieder verteilten die Aemter wie folgt: Obmann H. Bez.-Sch.-Insp. Ignaz Storm, Stellvertreter H. Willibald Rogler (Bärnbach), Schriftführer H. Felix Bauer, Stellvertreter H. Josef Laschatt, Zahlmeister H. Karl Bartel, Stellvertr. Fr. Rosa Marco, Beisitzer H. BB-Insp. Carl Lossos.

**(24) OG Graz, Mitgliedsbeiträge.** Die Jahresbeiträge betragen wie im Vorjahre: für ordentliche Mitglieder 8 S (einschließlich Bundesbeitrag und Bezug des „Aŭstria Esperantisto" 1931), für unterstützende Mitglieder 5 S, für Familien-Mitglieder 1 S, Einschreibgebühr 1 S. Die Gruppenleitung wurde ermächtigt, in Ausnahmsfällen die Beiträge zu ermäßigen oder ganz nachzulassen. Laut Beschluß der Vollversammlung erhalten jene ordentlichen Mitglieder, die ihren vollen Beitrag vor dem 16. XII. 1930 erlegen, eine Prämie im Werte von 2 S in Form von Gutscheinen zur Bibliotheksbenützung. Da das Einmahnen der Beiträge Zeitverluste und Kosten verursacht, eine frühzeitig wohlgefüllte Kasse jedoch die Propagandaarbeit wesentlich erleichtert, bitten wir unsere Mitglieder, die ihnen bereits zugesendeten Posterlagscheine möglichst bald zur Ueberweisung der Beiträge zu verwenden; Ueberzahlungen, und wären sie noch so hoch, werden nicht zurückgewiesen. Bartel.

## Rimarkindaj presaĵoj

**Verkoĵn, senditaĵn po du, ni recensos, po unu ni nur mencios.**

**Eldonejo „La Marto"-Habakladrau, ĈSR.**

**„Esperanto-Leitfaden mit Sprechübungen"**, Lehrer Taubmann, mit Erlaß d. Min. für Schulwesen und Volkskultur vom 7. XII. 1921 zum Unterrichtsgebrauch an Bürgerschulen mit deutscher Unterrichtssprache zulässig erklärt. 1. Aufl. 1920 (20.000 ekz.), 120 pĝ, prezo 14 Kĉ, kaj **„Uebungsbuch zum E.-Leitfaden mit Sprechübungen von Lehrer Taubmann"**, 1924, 75 pĝ., 4 Kĉ.

Instruisto Taubmann estas unu el la plej malnovaj kaj meritplenaj E.-pioniroj en ĈSR., redaktoro de „La Marto". El la dupaĝa germana antaŭparolo de lia instrulibro ni sciiĝas, kiamaniere li lernigis siajn multnombrajn anojn. „La lernanto devas depost la unua horo legi, skribi kaj paroli nur en la fremda lingvo ne pri ĝi". Praktike kaj logike la lecionoj enkondukas laŭ jena ordo: Demandaj vortoj kiu, -o, -a, -e, kiom da; ĉu, jes, ne; personaj pronomoj; komplementoj; 6. lec. interparolado; 7: kalkulprocedoj. En la 9. jam estas skribata letero pri la grupa vivo. Tiel Taubmann per 15 tripaĝaj lecionoj havigas la lingvan materialon por la ĉiutaga vivo. Sekvas 6 poemoj de Zamenhof, Hankel, Privat kaj la aŭtoro, mallongigoj kaj 44-paĝa vortareto, ebliganta tradukojn en la gepatran lingvon. Se ankaŭ la libro, 10jarojn aĝa, enhavas lingvajn antikvaĵojn, ĝi restas ne nur dokumento de la movado, sed rekomendinda, ĉar interesa lernigilo. Smital.

**Esp.-Centra Librejo-Paris.**

**Ĉe la piedoj de la Majstro"** de Alcyone (J. Krishnamurti), trad. de W. W. Mann, 1928. 61 pĝ., prezo Kĉ. 12. – (luksa eld.), 5.— (malkara eld.).

**„Sdruzeni pratel esperanta"-Praha.**

**Rádce Českého Esperantisty** de Julie Šupichová 1929, 37 pĝ., prezo Kĉ. 5.–.

**SAT-eldona faka kooperativa-Leipzig.**

**Poemo de l' plugisto**, originale verkita Ĥ. M. Ĥrima, Biblioteko de sennaciulo, serio literaturo n-ro 11; 12×15 cm, 62 pĝ, 1930, prezo Rm. —.50.

**Leterujo.**

**B. H. St. Johann:** BES-adresaro havebla en Potŝtejn, ĈSR.; 1 sv. fr. valoras S 1.40; Vian instigon ni pripensos.

**Fraŭlino** serĉas korespondadon kaj amikajon kun gesamideanoj en Wien kaj ĉiuj landoj. Grete Körner, St. Pölten, Herrengasse 3, Aŭstrio.

**La premion pro solvo** de literenigmo el n-ro 7 ricevis f-ino Maria Dittrich, instruistino en Wien, rekte de la donacintino s-ino Antonie Listner en Afritz.



## Kie oni rekontas E.-istojn?

**Graz.**

Esp.-Verein für Steiermark, Geschäftsstelle (oficejo) Schönaugasse 6/II, Vereinsheim (kunv.) Bürgergasse 4, Do(ĵ) 20-23 h.

**Innsbruck.**

Esperanto-Klub, Gasthof „Grüner Baum", Museumstraße. Do (ĵ) 20—22 h.

**Leoben.**

Esp.-Verein für Steiermark: Cafe Weidbacher, Dienstag (ma) 20—22 h.

**Linz.**

Oberösterr. Esp.-Verein: Gasthaus Stadtgut, Volksgartenstraße.

**Steyr:**

Oberösterr. E.-Verein: Gastejo Schwechater Bierhalle, Fr. (v.), 20—22h.

**Wien.**

Katolika Unuiĝo E.-ista en Wien, I. Schottenhof (Akademikerheim) Mi (me) 18.00 - 20.00 h.

Esp.-Unuiĝo-Wien, I., Himmelpfortg. 6 (kafejo Frauenhuber), Fr. (v.) 19.30 h.

Esp.-Verein der städt. Angestellten Wiens, IV., Schäffergasse 3, ĉiutage 17—19 h.

Vienna Akademia Unuiĝo Esp. VII., Neubaugasse 25, Cafe Elsahof, Mo (l) 19—23 h.

Esp.-societo „Fideleco", Café Schopenhauer, XVIII., Staudgasse 1, Di (m) 16-19 h.



Posedanto, administranto, eldonanto kaj respondeca redaktoro Regierungsrat Hugo Steiner, Bisamberg 248. — Presejo: S. Falk, Wien, XIII, Nobilegasse 4.